


JARO 8a - No.4
APRILO 1956

# LA STOKHOLMA KONGRESO

**Fakaj prelegoj**

La temo pritraktota ĉe la 8a kongreso estas: *La laborkondiĉoj de la fervojistoj en diversaj landoj*. Rigardu pri la detalaj punktoj en decembra numero 1955 de la IFEF-Bulteno. Tiu temo estas instrua kaj utila , ĉar eblas por la kolegoj kompari la kondiĉojn en diversaj landoj. Ni memorigas, ke vi devas kunporti 30 kopiojn de la raporto, kaj ke iu el ĉiu lando ĉe la kongreso donos maksimume 15-minutan komentarion pri la enhavo de la raporto. Anoncu la prelegontojn al la LKK !

Pri la salutparoladoj ĉe la solena malfermo de la kongreso la LKK deziras, ke la reprezentantoj de la Fervojaj Administracioj uzu maksimume 5 minutojn, kaj la reprezentantoj de la diversaj organizoj maksimume 3 minutojn. Por ke ĉio bone funkciu, ni pretigos liston de la salutparolontoj. Pro tio ni petas ĉiujn salutparolontojn bonvolu anonci sin per poŝto unu semajnon antaŭ la kongreso, kaj por faciligi la laboron de la interpretisto bonvolu samtempe transdoni maŝinskribitan enhavon (proksimuman) de la parolado. Ĉiuj salutparolontoj sidos sur la plej antaŭa benko en la salono; laŭvice ili havos la parolon.

La kongreskarto validas kiel legitimilo por la ekskursoj ktp. Specialajn manĝo-kuponojn ricevos tiuj, kiuj pagis por tio.

Pri pago de mono bonvolu uzi nian ĝirkonton 49 59 89, aŭ aĉetu ĉekon en iu banko, kaj sendu ĝin rekte al nia kasisto J.A.Nordin, Kolonnvägen 30, Solna, Svedio.

**Ankoraŭ estas tempo por aliĝo.** Se vi, sudlandanoj, ne ankoraŭ decidis pri tio, pripensu ke estas tre bona okazo viziti la plej nordan kongreson, kaj en ĉarma maja monato travivi nordlandan printempon.
Kaptu la okazon. Vi ne pentos viziti nian landon. Bonvenon!

La Kongreskomitato.

# TOMBOLO

En ĉiuj niaj kongresoj la tombolo estis granda sukceso. Tial ni petas al la vizitontoj de nia Stokholma kongreso, se eble donaci ion ajn por la tie aranĝota tombolo.
Espereble niaj svisaj amikoj transportos la en Zürich restintajn objektojn al Stokholmo.

## ESPERANTO ANTAŬ EŬROPA KONSILANTARO
## KAMPANJO
## POR ESPERANTO KIEL KOMUNA EŬROPA LINGVO

Dekkvar delegitoj de Britio, Germanio, Francio, Italio, Norvegio, prezentis jenan proponon de rekomendo en la Eŭropa Konsulta Asembleo.

La Konsulta Asembleo,
konsiderante la fakton, ke la lingvaj malfacilaĵoj malhelpas pli bonan interkompreniĝon inter la eŭropaj nacioj kaj la ekestiĝon de eŭropa solidareco;
konsiderante la fakton, ke la internacia lingvo Esperanto pro sia facila lernebleco kaj politika neŭtraleco eble donos taŭgan solvon por forigi la lingvajn barilojn;

rekomendas al la Ministra-Komitato,
organizi kiel eksperimenton la oficialan instruadon de la internacia Esperanto en unu libervola klaso(kun lernantoj 11-14 jaraj) en po unu lernejo de jenaj membro-ŝtatoj: Britio, Francio, Germanio, Italio, kaj Nederlando. Post unu jaro de studado la lernantoj estos kunvenigataj al Strasburgo.
La Komitato por Kulturaj kaj Sciencaj Demandoj prezentos al la Konsulta Asembleo raporton pri la rezultoj atingitaj.

En sia venonta sesio ( 16a-21a de aprilo) la Konsulta Asembleo decidos pri ĉi tiu proponita Eksperimenta Instruado de Esperanto. Dum tiu tempo UEA prezentos imponan Esperanto-Ekspozicion en la Eŭropa Domo.
En la historio de Esperanto venis decida momento, ĉar la instancoj de la Eŭropa Konsilantaro nun oficiale okupiĝas pri nia internacia lingvo kiel ebla solvo de la eŭropa lingvoproblemo.

Por veki intereson kaj por montri ke Esperanto estas vivanta internacia idiomo, oni invitas ĉiujn amikojn de Unuiĝonta Eŭropo viziti Strasburgon dum tiuj tagoj. Jenaj okazaĵoj estas planitaj:

Sabaton, la 14an de aprilo 1956
je la 15a: Inaŭguro de la Ekspozicio.
je la 20a: Amikara Vespero.

Dimanĉon, la 15an de aprilo
je la 10a: Vizito al la Ekspozicio.
je la 12a: Oficiala Akcepto ĉe la ĉefurbestro de Strasburgo.
je la 15a: Popolfratiga Renkontiĝon.

Prezidos: S-ro Levy, direktoro de la Informa Fako de la Eŭropa Konsilantaro
Prelegos: S-anoj Ferez, d-ro Herrmann, d-ro Lapenna Laŭrat, Petit, ktp.

La renkontiĝo estas aranĝata de la Unionista Movado sub la gvido de s-ano Ferez. Por pliaj informoj precipe pro tranoktebleco oni turnu sin al s-ano Hubert Ferez, 4 rue Stimmer, Strasburgo.

**El la Aŭstria IFEF-sekcio:**

**La 1an de Septembro 1955 S-ro Steiner, Direktoro de la Esperanto**-muzeo en Vieno, kaj Dipl. Inĝ. Tschom estis akceptataj de la ĝeneral Direktoro de la Aŭstriaj Fervojoj. Ili transdonis petskribon pri kelkaj aferoj kaj antaŭ nelonge ricevis respondon tre ĝojigan:

1e. Ĉiu esperantisto rajtas porti la verdan stelon sur la fervojista uniformo, kiel jam antaŭ la milito ekde la jaro 1928 estis permesita.
2e. La Aŭstriaj Fervojoj denove enkondukas ŝildojn por konduktoroj je scipovo de fremdaj lingvoj. Nun ankaŭ estos enkondukata ŝildo kun surskribo *ESPERANTO*.
3e. La Administracio publikigos demandon en la oficiala informgazeto , ĉu iu deziras lerni Esperanton aŭ ĉu ie estas malnova esperantisto, kiu ne plu apartenas al nia organizo.
4e. La Aŭstriaj Fervojoj eldonos fervoj-varbprospekton kun Esperanto kiel originala teksto.
5e. La Administracio pagas la presadon kaj forsendadon de landa gazeteto ( kiel en Germanio). Ni faros tion kiel la Aŭstria sekcio de IFEF. La unua numero aperos en Februaro aŭ Marto. La pli granda parto estos germane skribata por propagandaj celoj.
6e. La Aŭstriaj Fervojoj permesis libervolan instruadon de Esperanto en la junular-laborejoj. Sed ĉar ni estis postulintaj devigan instruadon kaj posedas malbonajn spertojn, ni rifuzis tion.
7e. La Aŭstriaj Fervojoj akcelas ferio-semajnon en Vieno. pri kio oni ricevos apartajn cirkulerojn.

Niajn plej sincerajn gratulojn al niaj gekolegoj en Aŭstrio kaj nian plej sinceran dankon al la ĝeneral-Direktoro pro la gravaj decidoj.

# KIEN IRI?

## FERIOSEMAJNO EN NEDERLANDO

Ankaŭ ĉi-jare la grupo Zwolle organizos feriosemajnon por fervojistaj esperantistoj kaj ties familianoj. Rajtas partopreni ankaŭ limigita nombro da ne-esperantistoj. Dato: de la 9a ĝis la 15a de septembro. Tranoktado en la jam de multaj konata feriodomo * de Leemkule*, meze en la arbaro en la proksimeco de Zwolle, facile atingebla per aŭtobuso. Interesaj ekskursoj al Amsterdam, Marken, Volendam kaj al la Nord-orienta Poldero(jam preta) kaj al la Sud-orienta Poldero (en konstruo).

La kostoj por la tuta semajno estas: 30 guldenoj por tranoktado kaj manĝoj kaj 20 guldenoj por ĉiuj ekskursoj.
Celo de la feriosemajno estas ke la partoprenantaj esperantistoj montru al la ne-esperantistoj taŭgecon de Esperanto por praktika uzado.
Faru propagandon inter viaj kolegoj! Pli detalajn informojn donas:
W. Gelderman. Willem Barentszstraat 70, Zwolle Nederlando.

## LA 29a KONGRESO DE SAT

okazos en Beograd, Jugoslavio, de la 24 - 30 de julio 1956. La Jugoslavia fervoja direkcio donas 50%-an rabaton al kongresanoj. Aliĝoj al la landaj perantoj.

De la 28a de julio ĝis la 4a de aŭgusto okazos la kongreso de Kristana Esperantista Ligo Internacia en konata altlernejo * Södra Vätterbygden Folkhögskola* apud Jönköping, Svedio. Prezo de la restado, tranoktoj, manĝoj, ekskursoj estas proksimume 110 Sv. Kr. Informoj kaj aliĝoj al Keli Kongreso 1956, Storgatan 7 Orebrö, Svedio.

Tuj post nia 8a kongreso la Sveda Esperanto-Federacio festos sian 50-jaran ekzistadon, samtempe kun la landa jarkongreso 20-21 de majo 1956. (Pentekosto) en Stockholm. Oni invitas eksterlandajn IFEFanojn al senpaga partopreno; svedaj IFEFanoj pagu nur duonan kotizon, 5 Kr. Anoncoj por tiu kongreso oni sendu al la LKK kasisto Nordin.

## FERIA SEMAJNO EN VIENO

La IFEF-sekcio Aŭstrio afable invitas ĉiujn fervojistojn al partopreno de la fervojista esperanta Feria Semajno en Vieno de la 17a - 22a de septembro 1956.
Ni petas ĉiujn landajn organizojn subteni nian aranĝon kaj sendi grupeton minimume de 10 - 20 partoprenantoj al tiu ĉi feria semajno.
Kvankam ni ankoraŭ ne povas doni al vi detalan programon, ĉar tiu dependas de la nombro de la anoncoj el ĉiuj landoj.

Certe jam nun estas, ke la restadkostoj dum la feria semajno ne estos altaj, ĉar tiu ĉi feria semajno havos duonoficialan karakteron.
La aranĝo estos farata kune kun la Aŭstria Fervoja Administracio.

Grave estas, ke ĉiu landa organizo komisias kamaradon kiel delegiton, kiu tuj per sia landa organizo aŭ rekte kun ni ekinterrilatiĝu pro interŝanĝo de pluraj informoj.

Ĉiu landa delegito povas kunvenigi al la feria semajno, unuvice esperantistajn fakkolegojn kun familianoj, kaj krome la saman nombron ne-esperantistaj fakkolegoj kun familianoj.
Tial estas necese, ke jam nun la landaj organizoj publikigu alvokon en siaj landaj bultenoj kaj ankaŭ nacilingve en siaj fakaj gazetoj; en la lastaj gazetoj por informi la ne-esperantistajn gekolegojn, kaj nelaste pro propagando.

Ĉar la nombro da partoprenontoj estas limigita ni rekomendas tujan anoncon al kolego Angermayer, Hugo Wolfstr. 6, Linz, Aŭstrio.

Ni ricevis la 4an komunikon por la 41a UEA kongreso en Kopenhago de la 4 - 11 aŭgusto 1956. Tranoktado en hotelo kostas 11 - 40 danaj kronoj sen matenmanĝo; ĉe privatuloj proks. 10 kronoj kun matenmanĝo; en komuna loĝejo 6 kronoj kun matenmanĝo. Ĝis fino de januaro sin anoncis 1080 partoprenantoj el 31 landoj.

Paradiza ferio en Granda Paradizo organizos Itala Esperanto Federacio venontan someron en unu el la plej sorĉaj valoj de la italaj alpoj (1500 metrojn). La manifestacio estas oficiale enkadrita en la kalendaro por 1956 de la Provinca Turisma Entrepreno de Torino. Belega proskpekto estas jam akirebla ĉe FEI Turismoficejo-Via S. Antonio da Padova 4 Torino Italio.

La 17a Hispana Kongreso de Esperanto okazos de la 25 - 29 julio 1956 en Barcelona. Krom la normalaj laborkonsidoj kaj prelegoj okazos grava ekspozicio de esperantaĵoj, vizitoj al muzeoj, ekskursoj, aplaŭdinda koncerto kaj tipaj regionaj dancoj, teatra prezentado, literatura konkurso, oficiala bankedo, speciala lunĉo kaj internacia balo. La organiza komitato kore invitas vin. Adreso: Strato Teruel28 Barcelona (8).

Sinjoro Ch. Chareilles, prezidanto de Metia Ĉambro en departemento Creuse, fondinto de feria centro por metilernantoj deziras akcepti en rekonstruita muelejo diverslandajn samideanojn dum la venonta somero. Restadkondiĉoj favoraj. Datoj: 15 julio-15 aŭgusto por metilernantoj, post tiu dato por -inoj. Skribu al: Sro. Tatet Guy. Bugeat. Correze. Francio.

La gvidantoj de la Esperantista Kulturdomo, Kastelo de Gresillon, Bauge (M et L) Francio, organizos dum la venonta somero kurson per Esperanto en franca lingvo, Somera Lernejo kaj en la komenco de septembro, ferian restadon en la kastelo. Krom tio en junio, julio, aŭgusto kombinitaj vojaĝoj al Parizo kaj Loire Regiono. Kostoj por 10 tagoj 22000 frankoj.

La 12a Internacia Junulara Kunveno de la Tutmonda Esperanto Junular-Organizo okazos de la 28a de julio - 4a de aŭgusto en Büsum-Germanio. La partoprenantoj estas honorgastoj de la Banloka Administracio, kaj per tio havas la eblon ĝui la ĝojojn de la somera ĉemara restado.
La kostoj de la tutsemajna restado inkluzive tuttagajn ekskursojn ne superos 50 germanajn markojn. Petu bildoriĉan prospekton esperantlingvan al: Nordseebad Büsum Friedrichstr. 16, Germanio.

La Hamburga LKK kore invitas vin partopreni en ĝia kongreso kiu festos la 50 jaran ekzistadon de la Germana Esperanto Asocio de la 19-21 majo. Oni aranĝos tre allogajn prezentaĵojn en la Hansa urbo. Petu aliĝilon al: 34. Deutscher Esperanto Kongress, Hamburg 8 Postfach 1237.

ANTAU ĈIO: la solidara fervojisto vizitas sian propran kongreson en STOKHOLMO de la 13a ĝis la 18a de majo 1956.

Ni legas en Het Vrije Volk (La Libera Popolo) de 8-2-56: En Ruslando ree fondiĝis Esperanto Asocio. Stalin malpermesis Esperanton sed Molotof nun sendis telegramon en ĉi tiu lingvo al Japanio.

## NOVAJ LIBROJ

LA MALPRUDENTA SCIVOLULO, estas amuza novelo, ĉerpita el la fama verko *DON KIĤOTO*, de M.de Cervantes Saavedra.
La tradukinto Luis Hernandes eldonis ĉi tiun specimenon por atentigi pri la rezultatoj,kiujn li jam atingis en la malfacila entrepreno,traduki en ĝia tuta amplekso la fame konata verko de Cervantes.
Sendube treege peza devas esti la tasko,traduki el la hispana originalo la malfacilan tekston kaj fidele sekvi ĝian frazkonstruon,kio kelkfoje kondukas al la neceso relegi iun frazon, por atingi plenan komprenon.
Sed kutimiĝinte al la eleganta prozo, kiu fluas tiom bele ankaŭ en la esperanto-eldono, oni bedaŭras ke ne jam aperis la traduko de la tuta verko, por kies plenumo ni deziras al la tradukanto plenan sukceson.
La sendube rekomendinda 68 paĝa specimeno aperis en plaĉa formo; formato 20 x 24 cm., belaspekta kvinkolora surkovrilo kaj kelkaj ilustraĵoj inter la teksto. Prezo 0,60 us, dolaroj.

ADAM MICKIEWICZ, verkita de Mieczyslaw Jastrun en facile legebla kaj flua Esperanto, pritraktas la grandan signifon de la fama pola poeto por pola kaj slava literaturoj, kaj epizodojn el lia malkvieta vivo.
La eldonejo *Polonio* eldonis ĉi tiun biografion laŭ komisio de la *Komitato de Kulturaj Rilatoj kun Eksterlando.* La 78 paĝan libron enhavas kelkajn portretojn kaj ilustraĵojn.

SINJORO TADEO. Okaze de la centjara datreveno de la morto de Mickiewicz,la eldonejo *Polonia* aperigis duan eldonon de la ĉefverko de la fama poeto en la bela traduko de Antoni Grabowski.

La traduko de tiu tuta epopeo, farita kun granda pietismo por la pola originalo kaj por la lingvo Esperanto, aperis unuafoje en 1918.

Antaŭ sia morto Dro Zamenhof legis preskaŭ kvar el la dek du libroj de la volumo. La belaspekta libro, 334 paĝa, estas tole bindita kaj enhavas 12 ilustraĵojn. Formato 20,5 x 14,5 cm. Prezo 1,70 us dol.

## LA SINDIKATO KAJ ESPERANTO:

En *Der Eisenbahner* de Januaro, organo de la Aŭstria Fervojista Sindikato, aperis longa artikolo en Esperanto pri la pasintjara agado de la Aŭstria IFEF-sekcio. Regule aperas artikoloj en- aŭ pri Esperanto en la Sveda, Aŭstria kaj nederlanda sindikataj organoj, kio meritas imiton.

Ankaŭ en Jugoslavio oni ja sukcesis instrui Esperanton per lecionoj en la sindikata organo kaj ni rekomendas al ĉiuj sekvi la bonajn ekzemplojn.

## NEKROLOGO

Sabaton la 25an de februaro je horo 13.15 mortis subite sekve de tragika akcidento dum la deĵoro nia kara samideano kaj estrarano la Hilfswagenmeister

**GUNTER HINZ**

en la aĝo de nur 27 jaroj.

Per lia morto ni perdas ne nur fervoran kunlaboranton kaj kamaradon, sed ankaŭ ni devas lasi niajn esperegojn, kiujn ni rajtis havi pri li por la estonto.
Kune kun la edzino funebras la gesamideanaro.

La estraro de la Esperanto-grupo Recklinghausen, Germanio

## NEKROLOGO

En la Jan-Februara Numero de Informa Bulteno el Italujo ni estas informataj pri la morto de nia amiko kaj tre malnova pioniro, Alevano Bisetti el Torino, kiu mortis la 13an de Oktobro 1955.

Promenante tra la belega urbo Torino dum la unua vizito al Italujo, ni renkontis lin surstrate kaj tuj invitis nin al agrabla interparolado sur teraso de trinkejo. Vigle kaj plenentuziasme li rakontis al ni pri la multaj kongresoj, al kiuj li partoprenis kaj montriĝis esti unu el la plej aktivaj propagandistoj sur nia faka tereno por ESPERANTO.

Interalie li estis unu el la ankoraŭ vivantaj membroj de la unua Internacia Asocio de Fervojaj Esperantistoj. Aŭdinte pri IFEF kaj niaj celoj, li ne hezitis tuj aliĝi al nia movado kaj restis al ĝi fidela ĝis la fino de la aktiva vivo. Li atingis la 68jaran aĝon. Konvinke sonas ankoraŭ liaj konsiloj al ni, li estis kvazaŭ patro por la juna generacio, kiu laŭ lia neestingebla idealismo daŭrigu la laborojn.

La komuniko pri lia morto forte trafis nin sed Aleviano Bisetti, la malgranda vigla viro kun koro plena de entuziasmo por granda idealo, restos en nia memoro kiel ekzemplo por niaj nuna kaj estonta generacioj de fideleco al movado, por kiu li dediĉis siajn plenajn fortojn.

Al'la Familio de nia neforgesebla amiko ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn. Ke li ripozu pace !

## KORESPONDPETO

La 24an de Aprilo la grupo el * Le Mans* okazigos letervesperon. Samideanoj, kiuj deziras korespondi kun gefrancaj gekolegoj, skribu al jena adreso, ni certe respondos al ĉiuj.
S-ro Querville Guy, 6 Rue Joinville, Le Mans (Sarthe), Francujo.

## RICEVITAJ PROSPEKTOJ:

El Wiedenbrück, Germanio, la miljara urbo ĉe la rivero La Ems, ni ricevis belaspektan prospekton kun tekstoj en Germana, Angla, franca kaj nederlanda lingvoj. Aparta folio estas aldonita en Esperanto. Por ricevi ekzempleron oni turnu sin al :S-ro Hubert Daum, Kolpingstrasse 15, Wiedenbrück i.W., Germanio.

Du tre interesaj kaj belaspektaj prospektoj pri la havenurbo * Hamburg* estas eldonataj de la * Landesverkehrsverband, Nordmark e.V, Hamburg Lombardsbrücke 1, Germanio. La prospektoj tute esperantlingvaj donas klaran bildon pri la vivo en tiu havenurbo kaj estas sen ia dubo posedindaj en ekspozio. Aldonu en la adreso: * (24a) Hamburg.

## AFIŜO:

En Svedio niaj gekolegoj preparis celtrafan propagandon per artikoloj en diversaj fervojaj ĵurnaloj sed ankaŭ pli akcentas la neceson de komuna mondlingvo per okulfrapaj afiŝoj. La verdkoloraj stelo kaj literoj tutcerte altiros la atenton de la fervojistoj pri nia lingvo.
Ni ne scias ĉu estas permesate pendigi la belajn afiŝojn en laborejoj manĝejoj kaj aliaj ejoj de la fervojistoj. Niaj svedaj geamikoj petu permeson al la Administracio por pendigi la afiŝojn sur la plej konvenaj lokoj.

# SIGNALOJ LUMAS PER PROPANO

## ANSTATAŬIGO DE PETROLLANTERNOJ

La Germana Federacia Fervojo intencas instali preskaŭ ĉiujn lumpunktojn de siaj form-, antaŭ- kaj ĉefsignaloj je pli ekonomia propanfunkciado anstataŭ ĝisnuna petrola. Jam nun ekzistas pli ol 22.000 propanlanternoj por du-, tri- aŭ sessemajna funkciado; ĉijare pliaj 16000 lanternoj por sessemajna lumado estas akirotaj, tiel ke la programo finiĝos venontan jaron. Tiam funkciados ĉe BD proksimume 60000 propanlanternoj. Poste la Federacia Fervojo intencas akiri analogajn instalaĵojn lumigajn por malrapidejaj kaj trakbaraj signaloj.

La propan-signallumigado estas unu el multaj rimedoj, per kiuj la DB provas malaltigi siajn entrepenkostojn helpe de teknikaj reformoj kaj pli bonigoj, krome samtempe altigi la sekurecon de la fervoja funkcio. Ĝuste la signaloj apud la trakoj, perante al la lokomotivestro la anoncojn kaj ordonojn de la loka funkcipersonaro, gravas decide por la sekureco de la Federacia Fervojo. Laŭ la pozicio de la signalbrakoj aŭ diskoj la lokomotivestro povas ekkoni, ĉu li devas veturigi rapide aŭ malrapide, bremsi aŭ haltigi. Dum mallumo la signaloj anoncas tiom per diverskoloraj lumoj, kiujn ekkoni, distingi kaj interpreti je pluraj centoj da metroj, ĉe ĉefsignaloj eĉ ĝis mil metroj, estas la devo de la lokomotivestro.

**Facile enboteligebla kaj senvenena**

Ĝis nun oni utiligis petrolon por lumigi la signalojn. Elektra lumigo estas aplikata nur en pli grandaj stacioj, ĉar estus neekonomie instali kabloreton ĝis malproksimaj signaloj. La iam projektita petrollanterno pro pli granda lumdaŭro lumadis sep tagojn sen ia ajn flego. Sed ĝia flamo estis tiom malgranda, ke ĝi povis esti utiligata nur por certaj signaloj. Post tio konstruita propangas-lanterno estas uzata ek de 1932 por la lumigo de ĉef- kaj antaŭsignaloj kun bona sukceso. Ĝi estas plibonigita kaj pli ekonomia kaj nun ĝenerale anstataŭos petrollanternojn.

La propangaso eliĝas ce la petrolfontigado kun aliaj gasoj, sed precipe ĝi estas gajnata kiel kromprodukto ĉe la petrolrafinado kaj ĉe la produktado de artefarita benzino. Por la signallumigo ĝi speciale taŭgas, ĉar oni ĝin povas facile enboteligi kaj enstokigi en likva agregatstato, ĉar sia hejtvaloro estas relative granda kaj sia esplordanĝero malgranda, ĉar ĝi ne estas venena kaj havas malaltan bolpunkton, sekve vaporiĝas eĉ ĉe malaltaj temperaturgradoj.

**Ĉiuhoro nur 2.7 gramojn.**

La propangaso estas enboteligata likva en facile transporteblajn ujojn alternigendajn- laŭ grando kaj konstrumaniero de la lanternoj- post du ĝis ses semajnoj. En la propanlanterno de la fervoja signalo la gaso unue fluas en la premreguligilon, kies tasko estas konservi konstanta la gaspremon varieman pro malsamaj temparaturoj. La reguligita gasfluo estas kondukata tra 0.11 mm diametra ajuto en la mikstubon, en kiu aero alsuĉiĝas. La propan-aer-miksaĵo brulas poste supraĵe de globforma inkandeskebla korpo, delikata teksaĵo saturita de lumsaloj, kiu forbrulas ĉe ekflamigo de la lanterno je cindroskeleto kaj inkandeskas de forbrulanta gaso. Vitra parabolspegulo direktas paralela la elirantan gason. La lanterno estas ne nur bone videbla el distanco de mil metroj, sed havas ankaŭ sufiĉe da flankenradiado por trakkurboj (kurbiĝoj) kaj malsuprenradiado por lokomotivoj haltantaj antaŭ la signalo. La lumo de la propanlanterno estas pli bona kaj precipe pli konstanta ol tiu de la petrola. La premreguligilo kaj la ajuto cetere garantias konstantan konsumon de 2,7 gramoj po horo.

**Pli moderaj funkcikostoj**

La instalkostoj por la propanlumigo ĉe DB estas malgrandaj: Krome du trionoj el ĉiuj lanternoj povas esti aliigataj el disponeblaj petrollumigiloj. La meznombraj instalkostoj po lumpunkto sumiĝas je 100 120 gmk. Ĉar nur necesas alternigi la grandajn botelojn naŭfoje pojare la flegadkostoj je 30 gmk inkluzive de eluzo kaj interezigo ne estas altaj. Tiu ĉi sumo eĉ estas pli malgranda ol la nuraj funkcikostoj de la petrollanterno, ĉe kiu krome estas konsiderendaj la potage dufojan flegon inkluzive de la ofte tre longaj irdistancoj. La elektra baterilumigado, eksterlande ofte aplikata, estas pli multekosta ol la propana, tiel rilate la instal- kiel ankaŭ la funkcikostojn.

Tradukita el Bundesbahn-Mitteilungen no.26/55
de W.Loubier Altengronau

## *KOMUNA-EŬROPA-TARIFO*

Por faciligi la vojaĝadon trans la propra regiono en aliaj landoj, la administracioj fervojaj jam delonge enkondukis biletojn internaciajn kiuj validas por fervojoj de pluraj landoj.

Internaciaj konvencioj en konekto kun internaciaj tarifoj regulig as transportkondiĉojn, veturprezojn ktp. La *Internacia konvencio pri la transporto de pasaĝeroj kaj pakaĵoj per la Fervojo*. (CIV), al kiu aliĝis 24 Eŭropaj ŝtatoj, formas unuecan juron pri la transporto de personoj kaj pakaĵo en internacia trafiko. Plie ekzistas dekduo da internaciaj tarifoj.

Ne estas necese, priskribi al fervojistoj, kiom da laboro postulas la multaj aliigoj de tiaj tarifoj kaj kiom da atento kaj zorgemo estas necesaj por ilin korekte apliki. Por laŭeble faciligi la laboron al la fervojaj oficistoj, la Germana Federacia Fervojo jam en 1949 kunigis ĉiujn internaciajn tarifojn al unu tarifo, kunmetante po ĉiujn normalaĵojn kaj ĉiujn diferencaĵojn de tiuj tarifoj. La provo sukcesis, la avantaĝoj de tiu verko pruviĝis nekontesteblaj. Preskaŭ samtempe ankaŭ la Nederlandaj Fervojoj estis evoluinta procedon laŭ la sama sistemo kun la sama sukceso.

Ĉar ĉi tiu provo pruviĝis taŭga, la German Federacia Fervojo instigis la *Union Internacian de la Fervojoj* (UIC) al revizio de la tuta sistemo de la internaciaj tarifoj por pasaĝeroj kaj pakaĵo kun la celo kunigi ilin al unu tarifo internacia. La Unio akceptis, kaj el la interkonsiliĝoj rezultis tarifsistemo laŭ la germana kaj nederlanda modelo. Ĉi tiu nova *Komuna tarifo internacia por la Transporto de pasaĝeroj kaj pakaĵo* (TCV) estis traktita en konferencoj de la *Unio internacia de la Fervojoj* (UIC), Junio 1955 en Amsterdamo, kaj de la *Eŭropa Horarkonferenco por vojaĝvagonaroj* (CEH), Oktobro 1955 en Wiesbadeno, kun la rezulto, ke ĝi validos ek de unua de Marto 1956 kaj anstataŭos la pli ol 50 tarifojn internaciajn. La tarifo esence eliminos la multecon kaj variecon de la ĝisnunaj tarifoj kaj plifaciligos la laboron de la multaj diversaj oficejoj fervojaj.

Per ĉi tiu verko la eŭropaj fervojoj faris novan kontribuon al unuecigo de la trafiko de nia kontinento.

D. Jäger, Ffm.

## *TRANS-EŬROPA-EKSPRESO*

En centrallaboratorio de la Eŭropaj Fervojaj asocioj Utreĥto, fervojaj inĝenieroj el ses landoj evoluigis sekretumitan *Trans-Eŭropa-Ekspreson*, la Aluminiofulmon* en vinruĝo. La eŭropa vojaĝtrafiko estos normigata. La fervojoj en Francujo, Italujo, Svisujo, Belgio, Nederlando kaj Germanujo laboras je komuna specimenvagonaro kun diselmovigo. Ĉi tiu eŭropa-diselo, je kiu oni nunatempe studlaboras, konsistos

el kvar skvamoforme kunmetitaj vagonpartoj, kiuj havas sidlokojn por 120 pasaĝeroj. La vojaĝrapideco estos ĝis 140 km/h.

Samtempe kun la Utreĥta konstrukcio estiĝas la specimenvagonaro en aliaj landoj. Sed materialo kaj sistemo ĉie egalas. En Utreĥto eĉ la lasta ŝraŭbo de la ekspreso estas normata. Aranĝomanovroj, riparoj kaj traesploroj povas esti plenumataj de personalo de ĉiu lando kun la sama certeco kaj vigleco. La nova vagonartipo ne plu havas naciajn ecojn; ĝi estas hejme en Eŭropo. Pro ĉi tiu kaŭzo ĝi ĉie havas la saman nomon kaj konservas ĉiam la saman elegantan aspekton.
Eĉ instalaĵo, servicaro kaj provizo de restoracio kaj kuirejo estas internaciaj. La servistaro devas regi plurajn lingvojn. La deziroj de la Eŭropa vojaĝpubliko estas ĵetataj en unu poto.

La *Trans-Eŭropa-Ekspreso* trapasas en unu vojo maksimume ses-cent km. Ĉi tiu interspaco estas la meza distanco inter la Eŭropaj centrejoj. Ĉar la vagonaro bezonas ĉirkaŭ kvin horojn por tia distanco, ĝi atingos ĉiufoje sian finstacion ĉirkaŭ tagmeze kaj estos returne en la frua vespero. Ĝi trafikos ek de Majo 1957 inter la plej gravaj urboj de la supre menciitaj landoj.

Estas evidente, ke ĉi tiu nova vagonaro devas konkuri kun la aeroplano.

Iniciainto por la vagonaro estas la prezidanto de la Nederlandaj Fervojoj, D: ro den Hollander, kiu klopodadas pri modernigo de la trafikiloj por pasaĝeroj.

Laŭ raporto en *Die Welt*
D. Jäger. Frankfurt am Main.

## LIBERTEMPA INTERŜANĜO

Por praktiki francan lingvon 12 jara knabo deziras en Julio pasigi tri semajnojn ĉe franca amiketo. Reciproke li povas akcepti en aŭgusto la francan knabon por libertempo en Amsterdam.
Skribu al: K.G.J. de Jong. von Liebigweg 26. Amsterdam., aŭ interrilatu kun la redaktoro de Bulteno dum la Stokholma kongreso.

## KASKONTROLO

Ĉar sinjoro J. Vermaak -elektita kaskontrolanto en la Zürich-a kongreso-lastmomente rifuzis plenumi tiun libervole akceptitan taskon, la estraro anstataŭis lin per kolego W. Kors, kiu kun la en Zürich elektita amiko Hoogendijk kontrolis la IFEF kason la 15an de februaro 1956.
Ili malŝarĝis la kasiston per jena poŝtkarto sendita al nia redaktejo:

Subskribintoj kontrolis la kason de IFEF kaj trovis ĉion en bona ordo.

Hoogendijk.
Kors.

# EL LA GAZETARO

**Svedujo**

La 18an de januaro 1956 forlasis nin unu el la grandaj pioniroj de la Sveda movado: Ernst Eriksson, eksparlementano, honora prezidanto de S.L.E.A. Tion ni legis en la lingve kaj enhave tre altnivela revuo: *Norda Prismo*. Eriksson estis ankaŭ IFEF-ano kaj li faris por nia movado tiom, kiom li estis kapabla fari.
Eĉ en 1908 li apartenis al la aktivuloj en la fervojista esperantista movado. Ni haltu momenton ĉe tiu grava perdo. Honoron al li!

En *Tidskrift för Statens Järnvagars-personal* ( Revuo de la Svedaj Ŝtatfervojoj por la dungitaro ) ni trovis artikolon en la sveda lingvo pri Esperanto. Sendube multaj svedaj fervojistoj ricevas ĉi tiun bele elustritan revuon. Espereble en la estonto ni povos legi pli da artikoloj pri nia lingvo kaj ĝia grava rolo inter la tutmondaj popoloj.
Ĉu eblas ke tio okazos en Esperanto?

**El *Heroldo de Esperanto* 16 - 1 - 1956**

Unurela fervojo, la t.n. *Monorail* estas konstruota proksime de la Germana limo Koln (Kolonjo), de Sveda firmao.
Provizore ĝi fariĝos tri km longa, sed oni projektas unurelan fervojon de 18 km kun 24 vagonoj por po 100 pasaĝeroj.
La trajnoj veturos per kaŭĉukaj radoj, kiuj premiĝas al la ferbetona relo. La konstrukostoj de unurela fervojo laŭdire estas nur la duono de tiuj de durela fervojo.

Esperanto helpis Anglan parlementanon en Moskvo.
La parlementano angla s-ro Emerijs Hughes vizitis Moskvo. En la tramo li ne sukcesis informiĝi kiel veturi al la celo de sia vojaĝo.
Li nomis ĝin ruse, sed oni ne komprenis lin. Senrezulte restis ankaŭ liaj provoj interkompreniĝi per angla, franca kaj germana lingvoj.
Tiam aŭdiĝis voĉo de kunveturanta knabino: *Esperanto* kaj la situacio estis savita. Pruvo, ke pli ol dudekjara malfavora situacio por nia afero en Sovetio, ne sukcesis malaperigi Esperanton.
Plua pruvo por tio estas krome ke Esperanto jam estas vivanta lingvo.

**El *Revuo Internacia* n-ro 602 (1)**

Okaze de la elekto por la Svisa Parlemento elektiĝis kiel Nacia Konsilanto s-ro E.Schwendinger, Herisan, Prezidanto de la loka Esp. grupo.